# Bonhumora Zamenhofano

Bulteno nr 0
Bjalistoko
2008





## La 94-a Universala Kongreso de Esperanto

okazos
inter la 25.07 kaj la 1.08 2009
en Bjalistoko
Ni kore invitas vin al la urbo
de la kreinto de Esperanto!

## Reĝo Maĉjo la 1-a

Okaze de 91-a mortdatreveno de Ludoviko Zamenhof en la Bjalistoka Junulara Kultura Domo okazis la malfermo de la ekspozicio „Bjalistokaj infanoj ilustras la esperantan eldonon de la libro „Reĝo Maĉjo la 1-a" de Janusz Korczak. La konkurso estis organizita pere de Bjalistoka E-Societo kaj Junulara Kultura Domo sub la Alta Protekto de la Urbestro de Bjalistoko, kiu sponsoris ĉiujn premiojn. La libron vi povas aĉeti en la librovendejo de la 93-a UK.
Ĉi tie estas fotoj elŝutitaj el www.espero.bialystok.pl



## Mi kore invitas

Mi deziras bonkore saluti ĉiujn partoprenantojn de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo. Mi kredas, ke ĉi-jara renkontiĝo estos fruktodona, riĉa je neforgeseblaj eventoj kaj kaŭzos disvolvigon de la ideo de Esperanto. Venontjare esperantistoj el la tuta mondo festos la specialan jubileon – la 150-an naskiĝdatrevenon de Doktoro Ludoviko Zamenhof. La Kongreso organizota en la jubilea jaro devas esti eksterordinara. Ĝi estos organizita en Bjalistoko – la naskiĝurbo de Zamenhof. Ĝuste en tiu ĉi urbo la estonta kreinto de Esperanto maturiĝis kaj lernis. Atmosfero de Bjalistoko – fenomena urbo, kies stratojn plenigis multlingva parolbruo, en kiu oni ankaŭ hodiaŭ trovas influojn de diversaj kulturoj kaj religioj, multe



influis junan humaniston. Ideo de Doktoro Esperanto restas ĉiam viva en koroj de ĉiuj homoj de bona volo en la tuta mondo. Atestas tion i.a. ĉiujaraj Universalaj Kongresoj de Esperanto, kiuj kolektas amikojn kaj propagantojn de la lingvo internacia. Mi kredas, ke ankaŭ Vi ne mankos dum la venontjara kongreso.
Mi bonkore invitas vin al Bjalistoko!

## LKK AKTIVE LABORAS EN BJALISTOKO

**En sia kunsido dum la 27-a kaj la 29-a de aprilo 2008 la Estraro de UEA nomumis la Lokan Kongresan Komitaton de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Bjalistoko inter la 25-a de julio kaj la 1-a de aŭgusto 2009, kun la ĉi-suba konsisto:**

1. Aleksander Sosna – prezidanto (la vicurbestro de Bjalistoko)
2. Halina Komar – vicprezidantino (PEA)-helpantoj
3. Elżbieta Karczewska – (BES) vicprezidantino rilatoj kun la urbaj instancoj
4. Nina Pietuchowska – (BES) giĉetoj
5. Jaroslaw Parzyszek – (BES, FZ) eksteraj rilatoj
6. Ireneusz Bobrzak – (PEJ) - junulara programo
7. Anna Marciniak – (BES)kasisto
8. Piotr Woroniecki – informado
9. Zinaida Piekarska – (BES) kongresejo
10. Danuta Nowacka – (BES) administrado
11. Alicja Temler – (BES) ekskursoj
12. Cecylia Hlebowicz – (BES) handikapulaj aferoj
13. Przemyslaw Wierzbowski – (BES) loĝigo
14. Stanislaw Dobrowolski – (BES) kongresa kuriero
15. Robert Kaminski – (PEA) Gazetara Servo
16. Martyna Zaniewska – nacia vespero
17. Joanna Filipowicz-Choroszucha – (BES) artaj aranĝoj
18. Andrzej Zejdler – (BES) hejma paĝo de LKK
19. Andrzej Sochacki – (PEA) Foto-servo
20. Edward Kozyra – (PEA) postkongreso
21. Clay Magalhaes – KKS

## Eŭropa volontulo serĉata...

En la Societo pri la Internacia kaj Interkultura Interŝanĝo ANAWOJ la Bjalistoka E-Societo anoncis la pretecon akcepti por unu jaro volontulon el la eŭropunia lando kadre de la Eŭropa Volontulado, la Programo "Junularo en la Aktivado", Kampanjo 2. Volontulo kune kun la membroj de la Societo laboros pri la popularigado de E-ideo: respektado de la kultura varieco en la kunligo kun la kontraŭbatalado de rasismo kaj ksenofobio. Kiel atentigis BES en sia anoncodeklaro, la kono de Esperanto grandigus la ŝancojn de volontulo por efika agado. Ni esperas gastigi jam en oktobro 2008 junan francan esperantiston el Tuluzo. Pli da informoj eblas ricevi ĉe la kontaktotelefonoj: telefono/fakso +48 85 717 91 45, poŝtelefono: kaj +48 510 502 826, elektronike: anawoj@anawoj.org







# Muzeo de Ludoviko Zamenhof en Bjalistoko



La urbo Bjalistoko alprenis decidon proprakoste renovigi la historian konstruaĵon ĉe la strato Warszawska 15 kaj destini ĝin por la sidejo de Esperanto-Centro je la nomo de Ludoviko Zamenhof. Laŭ la plano la objekto devas esti preta kaj ekipita ĝis la 25-a de julio 2009.

La E-Centro konsistos el tri fakoj:

1. Zamenhof-Muzeo
2. Eduka kaj Kultura Centro
3. Centro pri Esploroj de Kultura kaj Lingva Komunikadoj

Por Zamenhof-Muzeo ni serĉas memoraĵojn rekte aŭ nerekte ligitajn kun d-ro Ludoviko Zamenhof kaj Esperanto.

La memoraĵojn-eksponaĵojn eblas transdoni senpage aŭ pruntedoni por difinita periodo.

Ĉiujn ricevitajn eksponaĵojn eblos rigardi antaŭ la malfermo de la unua muzea ekspozicio en la retpaĝo de la E-Centro kune kun informo pri ilia deveno. Sekve ili fariĝos elementoj de la virtuala Zamenhof-Muzeo – galerio „Memoraĵoj proksimaj al la koro".

Ni konscias, ke pro teknikaj kialoj ne ĉiuj eksponaĵoj povos troviĝi en la konstruaĵo ĉe la strato Warszawska15.

Ni alvokas posedantojn de ĉispecaj memoraĵoj, pretajn disponigi ilin al la Centro, kontaktiĝi kun la Bjalistoka Esperanto-Societo, por ke la grupo laboranta pri la unua ekspozicio povu prilabori ilin kaj la gastoj de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko povu ilin admiri.

Ĉiuj, kiuj planas veni Bjalistokon por tie kongresi en la jaro 2009, estas petataj alporti po unu esperanta libro el sia nacia literaturo kaj transdoni ĝin al la biblioteko en la E-Centro. Tiamaniere vi lasos por ĉiam vian spuron en la naskiĝurbo de Ludoviko kaj Esperanto.

Kontaktu nin uzante la adreson: esperanto.bialystok@interia.pl

***EK***

## Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof iĝis la Honora Civitano de Bjalistoko

La 17-an de dec. 2008, dum la festa kunsido de la Urba Konsilantaro, Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof estis honorigita per la speciala diplomo kiel la Honora Civitano de Bjalistoko. Li ricevis la simbolan ŝlosilon de la urba pordego, belan pentraĵon, sur kiu estis montrita la palaco de Branicki – la ĉefa urba vidindaĵo -kaj, kompreneble, grandegan rozbukedon. En sia mallonga parolado Ludoviko Kristoforo dankegis ne nur al la urbaj konsilantoj, kiuj decidis honorigi lin sed ankaŭ al sia nevivanta plu avo substrekante, ke sen liaj meritoj ne okazus la hodiaŭa festo. Li ekŝercis: „La urbo Bjalistoko estis ĉiam proksima al mia koro sed fakte la bjalistokano mi estas apenaŭ 1 tagon". Rememorante alian Honoran Civitanon de Bjalistoko, la marŝalon Józef Piłsudski, L.K. faris aludon al sia avo kaj diris: "Oni ankaŭ nomis lin en Pollando AVO kaj amis lin".

EK



## Bela dekoraĵo de la domo ĉe la strato Zamenhof 26

**La urbestro de Bjalistoko decidis dekori "la blindan" muron de la domo ĉe Zamenhof-strato 26 per bela pentraĵo. Jam en junio 2008 Ludoviko Zamenhof eksalutis la unuan fojon preterpasantojn el sia artefarita balkono.**

Bjalistoka pentristo Andrzej Muszyński ornamis en aprilo 2008 la domon, kiu staras sur la loko de la naskiĝdomo de Ludoviko per la artefaritaj: fenestro, sur kiu sidas Jakobo Ŝapiro kaj Abraham Zbar (famaj bjalistokaj esperantistoj el la intermilita tempo), balkono, sur kiu staras Ludoviko Zamenhof kaj la dua balkono kun junularo. Samtempe oni renovigis la marmoran tabulon, pendigitan sur la muro de la domo antaŭ 50 jaroj, okaze de la 44-a UK en Varsovio.

# „Esperanto en eŭropaj gazetoj"

La 14-an de aprilo 2008 en la kafejo FAMA en Bjalistoko okazis la malfermo de la unua portempa ekspozicio „Esperanto en eŭropaj gazetoj" surbaze de esperantaĵoj donacitaj al la Zamenhof-Muzeo de japano Etsuo Miyoshi, sub la Alta Protekto de la Urbestro de Bjalistoko kaj media protekto de „Gazeta Wyborcza". Poste prelegis Barbara Pietrzak – Ĝenerala Sekretario de UEA – pri „Esperanto en amaskomunikiloj".



# Gravaj eventoj el la E-vivo de la urbo Bjalistoko

La manifestacio de esperantistoj kaj amikoj de Esperanto apud la monumento al Ludoviko Zamenhof ĉe la strato Malmeda okaze de lia 91-a mortdatreveno.



# Prezentado de la kongresa signo

La Urbestro de Bjalistoko sendis al ĉiuj eblaj uzantoj alvokon disvastigi la scion pri la kongresa signo.
La 24-an de aprilo, dum la gazetara konferenco la Urbestro de Bjalistoko prezentis la signon de la 94-a Universala Kongreso 2009 en Bjalistoko. Ĝiaj aŭtoroj estas la gefratoj Monika kaj Przemysław Ostaszewski. Ŝi finis ĉi-jare studi ĉe la Akademio de Belaj Artoj en Varsovio, li ankoraŭ studas belajn artojn.



94-a Universala Kongreso de Esperanto
25.07–1.08.2009
Bjalistoko, Pollando




# Trajno „ZAMENHOF"

Danke al la afabla helpo de la Direkcio de la Regiona Trajna Kampanio en Bjalistoko, laŭ la propono de la Urbestro de Bjalistoko, kun la financa subteno de la Marŝalo de la Podlaĥia Vojevodio en la somera horaro ekestis la trajno ZAMENHOF.
La 1-an de junio 2008 ĝi startis la unuan fojon por la longa vojo de Bjalistoko al Bielsko-Biała. Sur la kajo, apud la trajno, je la 06.05h. okazis solena „bapto" de la trajno, ŝanĝo de ŝildoj, poste la adiaŭo de la trajno kaj de Ludoviko kaj Klara Zamenhof, kiuj kuraccele forvojaĝos „al akvoj". Survoje, ĉe la Centra Stacidomo de Varsovio, Piotrków Trybunalski, Sosnowiec kaj Katowice, salutis la familion Zamenhof esperantistoj. Surloke, en Bielsko-Biała, gesinjoroj Zamenhof renkontiĝis kun la honora komitato, kiu sub la gvido de la eŭrodeputitino Margerita Handzlik atendis ilian alvenon. Okazis renkontiĝo en loka E-klubejo en Bielsko-Biała, dum kiu Ludoviko kaj Klara respondis je multaj demandoj pri Bjalistoko kaj pri preparado al la UK. Sekvonttage en unu el bazaj lernejoj okazis renkontiĝo kun infanoj, kiuj intencas de septembro 2008 komenci lerni la universalan lingvon.Pri la vestaĵo el la epoko por la familio Zamenhof zorgis la Dramteatro en Bjalistoko. En la trajno estis disdonitaj flugfolioj pri Esperanto kaj Bjalistoko. Per la trajna mikrofono Ludoviko rakontis al vojaĝantoj pri la ideo kaj la lingvo universala. La evento okazis sub la media protekto de la TV Bialystok kaj la televidkanalo TVN. ***EK***

# Startis media kampanjo de Bjalistoko kaj Esperanto

Vi diras: Bjalistoko kaj vi pensas Esperanto... En „Gazeta Wyborcza" startis la media kampanjo de Bjalistoko – urbo-Esperanto.
En la longdaŭra programo la realigantoj ekplanis ofte informi pri la historio kaj nuntempo de Esperanto en Bjalistoko, E-afiŝoj, eĉ E-afiŝegoj en diversaj lokoj de la urbo, konkursoj, someraj surstrataj agadoj, eldono de la KD pri la fabela, virtuala Bjalistoko. Danke al ĝi ĉiu loĝanto de Bjalistoko aŭ turisto povos virtuale viziti diversajn objektojn en la urbo : esperantan bibliotekon, Esperanto-Centron, la Urbodomon, lernejon, kie oni povos partopreni virtuale la E-kurson, kinejon kun la filmo pri Ludoviko, ktp. La enhavon de la KD „Esperanto" preparis la firmao E@l. La unua prezentado okazis dum la Internacia kongreso de E-Ĵurnalistoj en Vilno. La 10-an de septembro 2008 la KD en la kvanto 420.000 ekzempleroj estos senpage aldonita al la 420.000 ekzempleroj de Gazeta Wyborcza – marda tutpollanda eldono. Fina punkto de la kampanjo estos la tendo TOLEREMO, kiu estos starigita sur la Urba Placo kie naskiĝis Esperanto. Dum 14 tagoj diversaj asocioj, uzante diversajn metodojn, transdonos al la loĝantaro de Bjalistoko kaj al turistoj ilian vidpunkton al la ideo de toleremo en la mondo. La kampanjon proprakoste organizis la Oficejo de la Urba Promocio kunlaborante kun LKK de la 94-a UK kaj Gazeta Wyborcza. ***EK***



## Nova E-rettelevido en Bjalistoko.




La 2-an de majo 2008 sur la TTT-ejo: www.itvc.pl startis TV Esperanto. La projekto konsistos el serio de programoj, kiuj promocios Esperanton kaj la naskiĝurbon de Ludoviko Zamenhof. Ni esperas, ke ĝi iĝos la diskuto-forumo por esperantistoj el la tuta mondo. Bonvolu sendi viajn komentojn kaj opiniojn al la retpoŝta adreso: esperanto@itvc.pl Post ĉiu dua semajno vi povos spekti kaj komenti novan elsendon.

## Gravaj eventoj el la E-vivo de la urbo Bjalistoko




Ĝis la 94-a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko restis ankoraŭ iom da tempo, sed en la radioetero el Bjalistoko aŭdiĝas pole, angle, germane kaj en Esperanto ĝenerala alvoko al ĉiuj radioamatoroj en la mondo kaj invito por interparoli kaj viziti la naskiĝurbon de la kreinto de Esperanto – Bjalistokon. Bjalistokaj esperantistoj kune kun lokaj radioamatoroj preparis specialan diplomon: „Bjalistoko – Urbo de la Universala Kongreso de Esperanto 2009". Ŝancojn por ricevi ĝin havas radioamatoroj el la tuta mondo, kiuj havos radiokontakton kun bjalistokaj radioamatoroj. Ili laboras laŭ kutimo sur la frekvenco okdek, kvardek, dudek hercoj.

# HOSPITALO-MONUMENTO




Pasas 20 jaroj depost la tago, kiam oni solene nomis Porinfanan Klinikan Hospitalon en Bjalistoko je la nomo de Ludoviko Zamenhof.
– La ideo naskiĝis en julio 1987 – rakontas Maciej Kaczmarski, la unua direktoro de la hospitalo, la ideodoninto de konstanta ligo de la hospitalo kun Esperanto. – Al Bjalistoko venis granda grupo de partoprenantoj de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Varsovio. Dum la solenaĵo ĉe la Zamenhof-monumento oni anoncis la projekton konstrui Mondan Esperanto-Centron en Bjalistoko. Tiuj cirkonstancoj kaŭzis, ke nomumon de la hospitalo Ludoviko Zamenhof, kiu ĵus konstruiĝis, mi opiniis la ĝusta paŝo. Kaj tiel okazis. Baldaŭ poste la senato de Bjalistoka Medicina Akademio akceptis ĉi-koncernan rezolucion.
Estas en la hospitalo Esperanto-ĉambro, kaj en ĝi impona busto de Ludoviko Zamenhof, konstanta ekspozicio de Esperanto-literaturo: represaĵo de la Unua Libro de l'Lingvo Internacia – la unua Esperanto-lernolibro, Esperanto-versioj de romanoj „La Faraono", „Tra dezerto kaj praarbaro" kaj ekzempleroj de la revuo „Esperanto".
Ni ne perdis ankoraŭ esperon por kunlabori kun esperantistoj – diras nuntempa direktorino de la hospitalo, Anna Iwaszkiewicz-Pawłowska – Organizado de Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko estos bona okazo por renovigi kontaktojn kun medicina Esperanto-medio, por ligi ilin kaj aktive kunlabori. Estus bone, se oni sukcesus en Porinfana Klinika Hospitalo je la nomo de Ludoviko Zamenhof krei edukan Esperanto-centron por kuracistoj kaj medicinistoj. Estas ĉi-tie konvenaj kondiĉoj kaj estas bonvolo de la direkcio, estos ankaŭ emuloj por lerni la lingvon, kiu proksimigas homojn.
La direktorino A. Iwaszkiewicz-Pawłowska estas malfermita je ĉiuj interesaj iniciatoj de esperantistoj. Ŝi kredas, ke en la jaro 2009 okazos en la hospitalo renkontiĝo de esperantistoj-kuracistoj el la tuta mondo kaj komenciĝos multjara kunlaboro de bjalistoka kuracista medio kun Esperanto-centroj el Anglio, Francio, Japanio aŭ Usono.

## Rezolucio de la pola parlamento

La pola parlamento omaĝis la 100-an datrevenon de la kreigo de UEA. „Esperanto ligas homojn en riĉa kaj valora kulturo, kies fundamenta mesaĝo estas internacia amikeco kaj universala paco" - substrekis deputitoj en la unuanime proklamita rezolucio. En la datreveno de la kreigo de Universala Esperanto Asocio la Pola Parlamento emfazis la „rekonvortojn al la daŭrigantoj de la verko de d-ro Ludoviko Zamenhof, kiu - kiel estas vortumite en la rezolucio - „kreante la lingvon Esperanto deziris certigi al ĉiuj homoj la eblecon de reciproka kompreno kaj interkompreniĝo sendepende de la nacieco, raso, religio kaj propraj mondkonceptoj". „La pola parlamento, dezirante omaĝi la kontribuon de d-ro Ludoviko Zamenhof al la monda civilizacia heredaĵo subtenas la klopodojn de internaciaj medioj, ke UEA estu honorita per la Nobel-premio pri paco".

*Bulteno numero 0.* ***Eldonisto:*** *Bjalistoka Esperanto-Societo, 15-282 Bjalistoko, str. Piękna 3,* ***Pollando, telefonnumero:*** *+48 085 745 46 00,* ***retpoŝtadreso:*** *esperanto.bialystok@interia.pl.*
***Redakcia komitato:*** *Elżbieta Karczewska, Andrzej Zejdler, Stanisław Dobrowolski, Martyna Zaniewska*

